Xa jaro. No 154 (18) ☆ Duonmonata ☆ 5 Oktobro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# Nova idealo de viro

(La artikolon, kies tradukon ni aperigas, verkis fama bohema jurnalistino Olga Fastrova, kiu estas konstanta kunlaborantino de ĉiutaga bohema gazeto „Narodni Politika" (Praha). Ŝi disvastigas bohemlingve la sciojn de fremdlando, multe vojaĝante kaj legante, kaj krom tio ŝi publikigas ĉiam atentatajn artikolojn pri virina demando kaj modo.)

La idealo estas neniel fiksa kaj neŝanĝebla; ĝi estas variaĵo, kiu submetiĝas al modo, kiel ĉio cetera en kulturmondo.

Ŝanĝiĝas la epoko, en ĝi ŝanĝiĝas la homoj, kaj kun ili ŝanĝiĝas iliaj revoj kaj idealoj. La epoko kaj ĝiaj bezonoj kreas la idealon, neniel male. Ĉiu epoko elkreis sian idealon de viro kaj sian idealon de virino. Diontima fraŭlinaro en mezepokaj kasteloj revis pri nevenkebla kavaliro sentima kaj senmakula, la pudritaj kapetoj en koketsalonoj de rokokokasteloj animpentris al si la bildon de inteligenta kavalireto kun buŝo plena de dolĉaj komplimentoj, la sentimentalaj belulinoj de l'epoko napoleona sopiris je palaj, senesperaj seniluziuloj kaj kuraĝaj banditoj. . . .

El kie ni tion ekscias? El la literaturo de tiuj epokoj, ĉar en literaturo vidiĝas la penoj kaj sopiroj de apartaj homaj generacioj tiel klare, kiel la pejzaĝo en spegulo de lagonivelo.

Kion diras nuntempa literaturo pri hodiaŭa idealo de viro? Certe ĝi diras al ni pri ĝi ion, ĉar ekzistas nuntempe pli da verkistinoj. Tiom multe da virinoj verkas; nu oni trovos certe en iliaj libroj la nuntempan idealon de viro priskribitan kaj pritaksitan multe pli precize ol en literaturo de pasintaj epokoj, kiam la virinoj ne tiom skribis. Ĉi tiu supozo estas logika — sed en realeco ĝi ne ekzistas. Se ni tralegas literaturajn verkojn de virinoj, ni trovas, ke la viroj ne estas en tiuj verkoj laŭ efektiveco priskribataj.

La viraj tipoj priskribitaj de virinoj, estas pli multe neklare skizitaj, ili prezentas plejparte la ŝanceliĝantajn, molajn ekzistaĵojn, iajn paperaĵojn, celantajn nur al la pasio — vorte la kavalirojn de malĝojaspekta staturo. La virinoj scipovis nur taksi la virojn, kiujn ili en vivo ekkonis (ŝajnas, ke la verkistinoj havis ĉe ĉi tiu ekkonado specialan peĉon) kaj tial ili scipovis verkmontri la dolorajn seniluziojn, kiujn ili travivis. Per siaj libroj ili povis nur diri: „Ni ne estas pri vi kontentaj".

Sed skizi novan idealon de viro, kiel ĝi al ili en animo kopiiĝis, ili ne povis.

Anstataŭ ili, faris tion la viroj, literaturistoj. La viroj, kiuj scipovis pli bone esprimi ol la virinoj mem, kio okazas en animo de virgulino, de juna edzino, de maljunulino kaj pli bone ol la virinoj scipovis skizi la sanktecon de patrineco — la viroj sciis ankaŭ percepti kaj elsenti la sopirojn kaj revojn de nuntempa virino, kaj ili skizis ŝian novan idealon de viro tiel, ke la virinoj povas nur jesi kaj diri: „Jes, tiajn virojn ni deziras al ni havi."

La peno, elkrei kaj elpentri la novan idealon de viro, vidiĝas en moderna literaturo jam de longe. Sensacie efikis la provo de Arcybaŝev, kiu per sia „Sanin" elvokis la polemikon tra tuta civilizita mondo, ĉar la „novan" viron en ĝi li estis pentrinta unuflanke kaj malĝuste.

Nunepoke aperis en librovendejoj simila sensacia literatura sukceso; ĉitiufoje nomiĝas la feliĉa aŭtoro Bernard Kellermann kaj lia romano *„Der Tunnel"* (La Tunelo).

Ĉi tiu romano estas apoteozo de homara laboro kaj energio. Ĝi traktas nur, por fari submaran tunelon de Ameriko al Eŭropo, tunelon, kiu atingas la profundecon de 6000 m sub nivelo de Atlantika oceano, kaj tra kiu la vagonaroj traflugos dum 24 horoj. Ĝi estas frenezaĵo, utopio; sed la aŭtoro skizas sian aferon tiel sugestie kaj versimile, ke li la leganton tute ekkaptas kaj interesas.

En „Tunelo" montriĝas la kolosa disvolvo de homlaboro, la giganta klopodo de homaj cerboj kaj muskoloj, la fortega ondo de homara energio, la grandegaj renversiĝoj sur monfoiro, la sovaĝaj strikoj de laboristaro. Kaj meze de ĉio ĉi tio fortike kiel lumturo, ne tremante staras la vira tipo, en kiun la aŭtoro enmetis la novepokan idealon de viro.

Ĉi tiu staturo estas amerika inĝeniero Mac Allan, la spiritprojektanto kaj kreanto de tunelo, la viro, kiu dediĉis la tutan vivon al la konstruo de sia grandioza ideo. La duonmondo lin admiras, la duonmondo lin mokas kaj malamas; lia edzino lin fanatike amas, sed la filinoj de miliarduloj vane je li sopiras; ĉar li ne posedas senton, por senfrukte flirti.

Li vivas nur por sia ideo kaj por sia laboro; al ili li oferdonas ĉion, eĉ la feliĉon de sia familio.

Kellermann sukcesis elkrei la tipon de novepoka heroo, de genia militestro, kiu ne gvidas siajn batalionojn en militon kontraŭ homojn, pafilojn, kanonojn, sed kontraŭ grandegan naturforton, kiun li intencas submeti kaj super ĝi nepre venki.

Kiel en neniu batalo, tiel eĉ en ĉi tiu, ne estas la vivoj ŝparataj; miloj da viroj falos — sed fine la tunelo estas preta. „La homoj ĝin ekkonstruis, la homoj ĝin finkonstruis. El ŝvito kaj sango ĝi estis konstruita, ĉirkaŭe naŭ mil homojn ĝi englutis, ĝi alportis nemezureblan malfeliĉon, sed ĝi tamen staris." Kaj neniu tion miris.

Kia estis ĉi tiu Mac Allan, je kiu la filinoj de miliarduloj sopiras kaj kiu certe estas kreonta la novan idealon de viro?

Li estas viro el popolamaso, kiu en infanaĝo laboris kiel ministo, kaj per propra forto sin superaltigis: „*selfmademan*", la viro de memhelpo. En liaj grizaj, infanece bonaj okuloj kaŝiĝas mirinda forto de volo; li scipovas per sola rigardo ekregi kaj malsovaĝigi la ribelantajn amasojn kaj devigi ilin esti obeemaj.

Ili ĉiuj sekvas lin blinde, kaj li marŝas antaŭen, cedante antaŭ nenio kaj neniu. Kiam okazas katastrofo en tunelo, ĉe kiu mortas miloj da laboristoj, li la unua enpenetras en lokon de katastrofo, ne timante la danĝeron pri vivo. Lia energio estas nevenkebla kaj kuraĝo superhoma; sed ĝi estas la kuraĝo sen pozo.

Mac Allan ne estas komedianto, li ne estas fanatikulo, li parolas malmulton, neniam li fanfaronas, neniam li krias, la atento de publiko estas al li malagrabla. Li ne estas viro de vortoj, sed viro de agoj.

Ĉi tiu viro imponas al virinoj, ili amindumas lin, sed li ne rimarkas ilin, ili tute lin ne interesas. La tuta koro apartenas al lia propra edzino kaj familio.

Tiel aspektas la nova idealo de viro, la tipo, kiu ravas la nuntempajn virinojn. Tio ne estas plu la brila kavaliro, tio ne estas beltalia salona kavalireto kun buŝo plena de mielfrazoj, eĉ ne „interesanta" malgajulo malbenanta la ĉielon kaj teron. Ĉiuj ĉi tiuj specoj de viroj, alifoje tiel admirataj, nuntempe jam al emancipita virino ne sufiĉas; ilia naiva pozo estas por ŝi kontraŭa kaj komika. Al energiaj viroj, kiuj ne scias elokvente paroli, sed kontraŭe, kiuj kreados la grandiozaĵojn mirigajn kaj belajn, apartenos la estonteco. Kaj la virino, kiu ĉiam de pratempo, estas volonta kliniĝadi, apoteozadi la forton kaj energion, deturniĝas de dolĉaj, sensignifaj aventuristoj kaj komencas vidi en viro de laboro sian idealon — en tiu viro, kiu neniam sopiros je ŝi, nokte ŝin ne prikantos, pri ŝi la poemojn ne verkos, neniam pro ŝi sin pafos, eĉ ne sin dronigos, sed kiu tamen siamaniere ŝin sincere amos. Kompreneble, ke la edzino ĉiam restos malpli feliĉa rivalino de lia potenca amatino — Laboro, sed ŝin ne amos li pro tio malpli; ĉar la virinoj amas plej varme tie, kie ili ne estas senlimaj regantinoj.

*Olga Fastrova.*

Trad. *Jos. Podlipsky* (Del. Smiĥov).



# SOCIA VIVO



## Al la lando de miaj revoj

II

Unu post la alia forpasas la hungaraj stacidomoj — malgrandaj, belaj, lumaj — kaj tuj oni povas rimarki, ke ni jam estas malproksime de l'Oriento. Malfrue vespere ekbrilas en la malproksimeco la multnombraj okuloj de *Budapeŝto*. Baldaŭ la stacidomo bruas de l'krioj „treger", „treger" kaj de granda svarmado de homoj, veturiloj, aŭtomobiloj... Vere Budapeŝto estas bela kaj impona urbo. Ĝi estas la unua pordo de Okcidento, kaj trans ĝi oni vidas klare la perspektivojn de l' pli grandaj stacioj.

Post trihora atendado, mi envagoniĝas kun kroata kunfrato en apartan fakon, kiun la konduktoro malŝlosis al ni kontraŭ 2 kronoj, fermas nin en ĝi, kaj prepariĝas dormeti survoje al Vieno. Trankvile kaj seninterese pasas kelkaj horoj, kaj je $7^1/_2$ h. matene ni estas jam en Vieno. Mi jam konis la urbon kaj tial post duonhora atendo, tute sola (pardonu — kun la du pezaj kofroj) mi direktiĝis trame al la Westbahnhof. De tie dank'al tre afabla interpretisto, kiu — feliĉe — parolis france, mi povis aranĝi kelkajn privojaĝajn aferojn, telegrafis al nia konata samideano, S-ro Fr. Fleck en Munĥeno, kaj je 9 h. 25 m. la rapida vagonaro ekportis min pluen kun la malĝojo pri la nekontentigita deziro revidi Vienon.

Ekstere pluvetas. Kiam ni haltas ĉe iu stacidomo, la perono brilas sub la elektra lumo, kaj junaj sloveninoj kaj aŭstrianinoj, kun pluvombreloj kaj korboj, proponas diversajn manĝaĵojn kaj fruktojn. Preskaŭ ĉiujn dudekminutojn ni haltas, kaj ĉiuj, eĉ plej malgrandaj, urbetoj brilas elmalproksime de elektro. Ie mi vidas enirejon de subtera fervojo, ie kiel fluganta fantomo trakrakas kontraŭ ni lumanta vagonaro (sur la tuta vojo la linio estas duobla) kaj malaperas en la nokton...

En *Simbaŭ,* malgranda urbeto, troviĝanta ĉe la aŭstria-germana landlimo ni devis halti kaj atendi nokte 5 horojn la vagonaron al Munĥeno. Tie en la restoracio de l'stacidomo mi havis la plezuron konatiĝi kun kelkaj sinjoroj (italoj, hungaroj, germanoj) kaj esti objekto de granda atento... ja Bulgarujo estas nun konata; la nomon „Bulgaro", mi estis fiera posedi, kvankam mi preferis min nomi „Balkanano", aŭ pli bone „homarano"!

Post komuna manĝeto, hungara fraŭlo kaj mi eliris por promeni du horojn en la trankvile dormanta urbeto. Atinginte la finon ni devis iomete amuziĝi kaj „mortigi la tempon" kantante... Mi aŭdis lian nacian himnon kaj li la mian, post kio mi aldonis ankaŭ la internacian — mi neniam forgesis profiti la okazon, opiniante, ke la varbado de unu nova Esperantisto pli valoras ol la kreo de plej bela asocio.

Ni longe restis sub la ĉielo, ĝuante la noktan belaspekton, post kio ni eniris trinkejon allogitaj de dolĉaj sonoj de gitaro kaj voĉo. Tie flanke de tre gaja „miksita" kompanio ni restis ĝis $^1/_2$horo antaŭ la tempo de nia forveturo.

La matenon, ĉe ia dolora tagiĝo, la vagonaro eĥigas la altan vitran kupolon de l'*Munhena* stacidomo. Pace kaj gaje. Neklaraj esperoj pri io bela, malhelaj, reaparantaj me-

moroj de l'infaneco... Mi eltiras la verdan flageton, kiu ĝoje ekflirtis. Tutan horon mi atendas ĉe la granda staci-domo, sed neniu Esperantisto. Mi iras matenmanĝeti. Maten-manĝante al mi prezentiĝas kelkaj bildoj — epizodoj de mia ĝisnuna vojaĝo: kiel ĉe la landlimoj oni severe tra-rigardis kaj observis mian pasporton kaj militministerian certigilon pri libera trapaso de landlimo; kiel malfacile oni devis ŝanĝi la diverslandajn monerojn; kiel oni ne volis respondi al mi „france" kaj postulis la „germanan" en kiu mi nur povis demandadi, sed ne komprenadis la respond-ojn... sed kiel ĉe la klarigo, ke mi estas *Esperantisto* (ne danĝera homo) oni interesate min helpis. Unuan fojon mi vojaĝis Okcidenten, sed mi sufiĉe spertis kiom malfacile estas vojaĝi tra lando, kies lingvon oni ne bone konas, kaj mi preskaŭ ĵuris ellerni „perfekte" (!) la germanan kaj miaj kunvojaĝintoj — „nur konatiĝi" kun Esperanto...

Poste, tute sola, kun la verda flageto en la mano mi min direktis sur la unuan viditan straton tute hazarde, sed ĉiam, rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante, ne malesperiĝante. Fine mi trovis la domon de „Esperanto-Informejo"; sed mal-juna sinjorino klarigis, kaj mi apenaŭ komprenetis, ke S-ro Fleck ne plu estas ĉi tie kaj ŝi donis al mi alian adreson laŭ kiu mi direktiĝis. Post longa vagado miaj okuloj subite haltis sur marmoran murtabulon portanta verdan stelon kun surskribo en germana lingvo: „Esperanto-Verein". Mi kvazaŭ vekiĝis de dormo... eniris kaj S-ro pordisto klarigas al mi, ke post 2 minutoj venos fraŭlino-oficistino parolanta Esperanton...

— Nur post 2 minutoj! Ho, mi estis preta atendi eĉ 2 horojn!...

Kaj jen kvazaŭ anĝelo falinta de la ĉielo, venas bela samideanino. Interkonatiĝo, interparolo, kompreniĝo. Dume venas ankoraŭ alia, kaj mi estas invitita en bele ordigitan kaj ornamitan ĉambreton, kie kveris du kolomboj: mi tro-viĝis kvazaŭ en paradizeto, kie oni parolas Esperanton... La unua savanĝelo estis F-ino Anny Poschenrieder kaj la dua F-ino Carola Reichshoff, unu el la filinoj de l'hotel-mastro. Ili tuj telefonis al la nuna Del. S-ro Tressel kaj poste al S-ro Krumbach. Ĉar mi volis resti unu tagon por trarigardi la urbon, ili tuj proponis al mi ĉambron en la sama hotelo. Poste F-ino Carola sciigis al mi, ke S-ro Tressel povos veni nur je la unua posttag-meze, tamen, ke ŝi estas preta, se mi akceptas (ĉu mi povis eĉ pensi pri rifuzo!), gvidi min ĝis tiu horo tra la urbo por montri al mi almenaŭ la plej ĉefajn vid-indaĵojn. Mi neniam forgesos la feliĉajn tri horojn, dum kiuj ni kune vagadis en la urbo, ĉirkaŭrigardante ĝiajn stratojn, ĝardenojn, statuojn kaj aliajn vidindaĵojn. Kvankam oni ne povas ĉion vidi dum tiel mallonga tempo, Mun-ĥeno rikoltis miajn unuajn ekstazojn kaj se iam mi ekvolos ilin retrovi, mi devos ilin serĉi denove en ĝi — tiu freŝa, pura kaj artista urbo kun tiu aparta, nekomprenebla beleco, kiu vin tutan ekregas!... Kaj tiuj naivaj germanaj junulinoj, kiel amindaj ili estas kun siaj modestaj, iom pezaj figuroj, en kiuj estas nenio de tiu serpenta eleganteco de l'francino!

*(Daŭrigota.)* *Iv. H. Krestanof* (Dijon).

## La mistero de Sfinkso

De ok jarmiloj la diino de Gizeh konservis la misterojn pri la deveno kaj historio de la Egiptoj; ... nur la moderna scienco sukcesis paroligi la mutan grandegulinon kaj forŝiri de ŝi interesajn klarigojn pri la plej aĝa kultura nacio de l'mondo.

Kun miro ni legas la raportojn antaŭ nelonge prezentitajn de la konata Egiptologo Reisner, profesoro ĉe la Harvard-universitato, al liaj kolegoj de la Semida muzeo kaj al la sciencistoj de la belaj artoj en Boston.

Jen la plej interesaj konstatoj:

Post longedaŭraj traktadoj kun la vicreĝa registaro la esploristoj povis komenci siajn laborojn antaŭ proksimume duonjaro.

Unue oni trovis interne de la potenca konstruaĵo — inter la antaŭaj piedegoj de Sfinkso — templon de la suna dio. La templo estas multe pli aĝa ol la piramidoj; kred-eble ĝi devenas el la jaro 6000-a antaŭ la naskiĝo de Kristo. Plie oni trovis la tombon de Mona aŭ Menes, la unua faraono de Egiptujo, historie pruvita; laŭ la surskriboj sam-tempe malkovritaj, tiu reganto ĝuis dian adoron. La konstru-adon de Sfinkso oni aljuĝas al li, aŭ al unu el liaj plej proksimaj posteuloj. Longaj koridoroj internaj kondukas al pli altaj lokoj esplorotaj dum la venontaj monatoj; plenaj de rubo kaj ĉiuspecaj ruinaĵoj, ili provizore ne estas alireblaj. Interesajn kombinojn ebligis la malkovro de kelkaj domoj, konstruitaj interne de la pli alta parto de Sfinkso; supoz-eble ili ne havis tegmentojn; oni konjektas, ke ili servis kiel loĝejoj al la pastroj de la suna dio. Dum Sfinkso mem senpere estas elhakita el ekstreme granda ŝtonego, la domoj estas konstruitaj el brikoj; supozeble almetitaj en pli malfrua tempo, ili intertempe plejgrandaparte disfaladis. En la kapo de la diino de Gizeh estas salono dekok metrojn longa kaj 4,20 metrojn larĝa. De ĉi tiu loko pluraj vojoj kondukas al la templo de la suna dio, supre menciita. Tie oni trovis centojn da objektoj, uzitaj ĉe la diservaj ceremonioj, precipe multajn krucojn ĉirkaŭitajn de radia rondo, simbolo de la suno; kelkaj el la radiaj krucoj estas el oro kaj havas metalfadenojn, per kiuj la pastroj dum la diservo sonorigis etajn sonorilojn. Kuriozaĵon prezentas plie kelkaj malgrandaj piramidoj, trovitaj en la diversaj partoj interne de Sfinkso; laŭ P-ro Reisner ili servis sole kiel montriloj de sunhorloĝoj. — Per pli detala esplorado de la multnombraj objektoj kaj surskriboj trovitaj en Sfinkso, oni esperas akiri specialajn konojn pri la misteroj de l'egiptaj pastroj el tiu plej frua epoko de kulturo; kiom nin orientas la tradicio, la servistoj de l'suna dio bonege estis informitaj pri la magia kaj sorĉa arto, kaj same pri la astrologio.

Notinda estas fine stranga cirkonstanco, kiu dum longa tempo malebligis la elfosadon kaj ankoraŭ nuntempe ĝin kelkafoje prokrastas: la superstiĉa timo de l'enlandanoj subteni la laborojn. Ankoraŭ nuntempe neeble estas ilin konvinki pasigi la nokton interne de la konstruaĵo. Laŭ ili Sfinkso estas loĝata de malicaj demonoj; kiu restos la nokton interne de ĝia korpo grandega, terure pereos. Ŝajnas tamen, ke la fortikaj Amerikanoj, kiuj por „malpiaj" kulturaj celoj tiom malvarmsange esploras la misterojn de la dezerta diino, ne estas atakeblaj per la vagantaj fantomoj.

Trad. *F. Pillath* (Del. Essen).

## La lernejo en la arbaro

Tute proksime de Berlino, je kelkaj minutoj de la belega militista ŝoseo, kiu rektlinie kondukas de la reĝa kastelo al la tendaro de Doeberitz, troviĝas lernejo en la mezo de arbaro. Ĝi estis la unua en Eŭropo kaj, per iaj apartaĵoj, restis unika de tia speco, malgraŭ diversaj imitoj.

De la vojo mem oni ne vidas multe: sufiĉe vasta en-fermaĵo, kiun simpla palisaro apartigas de la resta parto de l'arbaro, kaj ĉe unu flanko kelkaj barakoj nefermitaj, tiel aspektas tiu lernejo. Nenia signo pri pedagogia rigoro, administracia unutoneco, oficiala enuo.

Kiam oni pasis la kradan pordeton, oni maldekstre ekvidas vicon de unuetaĝaj lignaj dometoj. Tie loĝas la

afabla kaj ridetanta „fratino", kiu direktas la institucion je la ekonomia vidpunkto. La ekonomejon prizorgas la „Patruja Unuiĝo de la germana virinaro", filio de la Ruĝa Kruco, je la kostoj de la urbo Charlottenburg. En la aliaj pavilonoj troviĝas la kuirejo, la vestejoj, la duŝejoj, kaj la klasoj.

Ni eniras en unu el tiaj klasoj; malgranda ĝi estas, kun skribtabloj el bruta ligno; ĝi similas vilaĝan lernejon. Oni tie ne celas la lukson aŭ la komforton, sed nur la puran aeron kaj la sanon; la fenestroj ĉiam estas tute malfermataj. Oni ankaŭ penas enkonduki la gajecon; la murojn kovras beletaj bildoj. En la kantoĉambro oni trovas fortepianon. Fine — tio ne estas sen morala graveco — la instruistoj nenie sidas sur tribuno. Ili sidas malantaŭ simpla tableto, je la alteco de siaj lernantoj.

Ĉie manifestiĝas tiu egaleco, kies unu simptomon ni notis. Estas ok klasoj; ĉiu havas meznombre 20 lernantojn; ambaŭ seksoj estas miksitaj. Estas nur kvar ĉambroj, kaj ĉiam kvar klasoj devas labori en plena aero. La lecionoj de latina lingvo okazas en malgranda ronda pavilono, kiun la lernantoj nomas „la templo". Tie ĉi kaj tie oni ekvidas arojn de lernantoj, kiuj familie sidas ĉirkaŭ la instruisto kaj aŭskultas liajn klarigojn. Tio rememorigis al ni la teoriojn dum la militservo. Sed tia komparo devas esti singardeme farata. Nenio estas malpli militista ol la lernejo de la arbaro en Charlottenburg; la premado estas nekonata.

La lernantoj alvenas je la oka matene kaj tuj ricevas tason da lakto. Ili havas kvar lecionojn sinsekve dum la mateno, sed tiuj lecionoj daŭras nur 35 minutojn kaj estas apartigataj per ludoj kaj amuzoj je kiuj partoprenas la instruistoj, speciale elektitaj. Dum la mateno la lernantoj ricevas manĝeton, poste la tagmanĝon, kiu konsistas el viando kaj legomo, kaj alterne el supo aŭ deserto; je la kvina la infanoj abunde manĝas; ili cetere estas nutrataj laŭdezire kaj povas trinki tiom da lakto kiom ili deziras, bona lakto tute kovrata de kremo, kiel oni malofte vidas ĉe la urbaj laktistoj. La ekonomo taksas la prezon de la nutraĵoj je unu marko (50 sd.) po tago kaj infano.

Post la tagmanĝo, la infanoj ripozas; ĉiu havas longan seĝon, kiun li povas instali laŭvole, ĉu sub speciala granda galerio, ĉu sub la arboj. Oni tamen ne devas forgesi, ke Grunewald ne estas abundkreska arbaro, sed pinarbaro kun nudaj trunkoj tre altaj; la ombro estas malofta. La supereco de la loko kuŝas precipe en la bona aero; ĝi neniel estas malluma nek malseka. La rigardo, haltigata de nenia baro, perdiĝas en la senfinaj vicoj de sunlumataj trunkoj.

Ĝenerale, la posttagmezo estas dediĉata al ludoj, iafoje interrompata de taskoj farotaj, sed sen lecionoj. Oni lasas la infanojn liberaj amuziĝi laŭ ilia plaĉo; la instruistoj apenaŭ bezonas observigi la ordon. Kelkaj partoprenas en la infanaj ludoj; ni vidis aron da knaboj konstruantaj fojnejon sub la direktado de instruisto. Vasta terspaco estas dediĉata al ĝardenoj; ĉiu infano havas sian kaj povas kulturi, kion li volas. Multaj plantis legomojn. Dum la libertempo gardisto akvumas tiujn ĝardenetojn kaj, je la jarfino, la lernantoj, kies kulturejoj estas plej belaj kaj plej bone prizorgitaj ricevas premion.

Rilate al libertempo la lernejo estas submetata al la samaj reguloj kiel la aliaj ŝtataj institucioj.

Tiu lernejo ne estas bonfara institucio; flanke de ĝi, la popola lernejo (unuagrada), direktata laŭ la samaj principoj kaj havanta multe pli da lernantoj, estas senpaga, kaj la lernantoj estas rekrutataj kaj eliminataj de kuracistoj laŭ sia sanstato. Plie, ili ricevas ne tri manĝojn, sed kvin. La institucio, pri kiu ni parolis, estas malsama; ĝi estas duagrada lernejo respondanta al la kvar unuaj jaroj de gimnazioj (liceoj); la prezo de la semestro estas 250 Markojn (125 Sm.), kaj estas neniaj kuracistaj kondiĉoj.

Tiuj diversaj karakteroj faras la lernejon de Charlottenburg, kies nelacigebla direktoro estas P-ro Gropp, unika institucio, kiu tute proksime de grandega urbo kaj vizitebla de ĉiuklasaj lernantoj, realigas multajn principojn de la novaj lernejoj (reform-lernejoj). Nur mallongajn momentojn ni pasigis en tiu lernejo. Sed ni kunportis ĉarman rememoron, en kiu miksiĝas la ludoj, la libereco, la plena aero kaj la sano. Ni plie kunportis la bedaŭron ne plu esti lernanto: pri kia alia lernejo oni sincere povus diri samon? W. M.

---

## Vilaĝanaj pruntedonaj asocioj en Siberio

En klera Eŭropo jam antaŭ longe ekzistas diversaj vilaĝanaj asocioj, konsumaj, pruntedonaj kaj aliaj. Tie jam antaŭ longe oni komprenis, ke unuiĝo estas forto. Sed en Ruslando nur antaŭ nelonge oni komencis uzi tiun forton. La kooperativismo nun rapide disvastiĝas en Ruslando. La statistiko montras la progreson:

| En tuta Ruslando: | 1901 | 1908 |
|---|---|---|
| Konsumaj asocioj | 654 | 1448 |
| Pruntedonaj (kredit) asocioj | 94 | 2315 |
| Pruntedonaj kaj ŝparaj asocioj (kun akcioj) | 723 | 1000 |
| Terkulturaj asocioj | 342 | 1500 |

Vere, 6000 organizaĵoj por tuta Ruslando eĉ je nia vidpunkto ne estas tro multe, sed precipe ni notas la kreskadon de tia movado en vastega, ne mezurebla kaj neordigita Ruslando. Grade, iom post iom, nia popolo kutimiĝas grupiĝi, unuiĝi sub instigo kaj gvido de inteligentuloj. Nun la kooperacio estas ĉe ĉiuj, „flugas en la aero"; oni organizas kunvenojn de asocianoj, estas eldonitaj du ĵurnaloj; la gazetaro multe helpas la novan movadon, kaj la registaro subtenas ĝin. Printempe 1908 estas aranĝita en Moskvo tutruslanda kooperativa kongreso kaj multe da provincaj kaj regionaj kunvenoj. Siberio ankaŭ ne perdas la tempon. Tie ankaŭ formiĝis diversaj vilaĝanaj asocioj, kiuj fine atingis nian malproksiman transbajkalan regionon.

Sed mi diros antaŭe kelkajn vortojn pri la fundamento, sur kiu fondiĝas en Rusujo pruntedona asocio. La iniciatantoj grupigas ne malpli al 20—25 vilaĝanojn, kiuj elserĉas la fonton de ĉefa kapitalo; en kelkaj okazoj oni prunteprenas ĝin por 10—12 jaroj ĉe ia riĉulo aŭ el vilaĝkaso sed pli-ofte oni petas la Regnan Bankon pruntedoni el sumoj de Regnaj Ŝparkasoj unu, du aŭ tri milojn da Sm. por fondi la ĉefan kapitalon; la peton oni subskribas kaj sendas al la plej proksima filio de la Regna Banko. La regiona komitato esploras ĉi tiun aferon, la indecon de iniciatantoj kaj petas ĉe Peterburga Ĉefkomitato de l'aferoj de pomalgranda kredito la permeson doni el la Regna Banko la petatan sumon kaj malfermi la petatan vilaĝan asocion; post jesa respondo, loka inspektoro veturas en vilaĝon, kie estas malfermota la asocio, kunvokas ĉiujn enskribitojn, kaj kune kun ili starigas la regularon, elektas balote la administrantaron kaj kontrolan konsilantaron por trijara periodo, kaj akceptas la novajn membrojn. Poste la administracio ricevas el filio de la Regna Banko la petitan kaj permesitan sumon kaj malfermas sian agadon, disdonante monon al la bezonantaj membroj, ricevante monenmetojn por ŝparo. La Kapitalo Banka estas pruntita ĝis 13 jaroj; la asocio pagas al la Banko dum unuaj 4 jaroj 6 % (iafoje 5 %) jare, sed de la kvina jaro, la asocianoj ne plu pagas procenton sed grade estingas sian ŝuldon al la Banko, ĉiujare pagante: dum la kvina kaj sesa jaroj de funkciado de l'asocio po la $^1/_{20}$ de la prunteprenita kapitalo, dum la 7a, 8a kaj 9a jaroj po la $^1/_{10}$, kaj dum la 10a, 11a,

12a kaj 13a jaroj po $^3/_{20}$: tiamaniere post 13 jaroj de sia ekzistado la asocio redonis al la Regna Banko tutan sian ŝuldon, kaj operacias per sia propra kapitalo, kiu amasiĝis dum tiuj 13 jaroj el pura profito, ĉar laŭ § 80 de la regularo, starigita de la ministro de financoj: „El la pura profito ne malpli ol 20 % estas demetita por formi garantian kapitalon, kaj ne malpli ol 40 % por propra fundamenta kapitalo.“ La restaĵo estas elspezita laŭ komuna deziro. Se mankas donita mono (la kapitalo grade pligrandiĝas dank'al enmeto de la ŝparita mono) la asocio havas rajton prunti. La asocianoj mem regas sin, la ĉefa estraro estas la komuna kunveno de ĉiuj membroj; inspektoro nur kontrolas la aferojn de la asocianoj, kies administracio ĉiumonate sendas al filio de la Regna Banko bilancon. Se oni flanke lasas la vilaĝajn kaj vilaĝarajn bankojn aŭ kasojn, kiuj, kiel nefruktodonaj kaj neraciaj, jam mortis ĉie aŭ trenas mizeran vivaĉon, ekzistas en Rusujo du ĉefaj tipoj de pruntedonaj asocioj: „kreditasocioj“ (supre priskribitaj), kaj „prunte-ŝparaj“-asocioj, kiuj prezentas jenan diferencon; en „kreditasocio“ ne ekzistas akcioj aŭ iaj kotizaĵoj; la profito estas komuna, asocia, sed ne por ĉiu membro proporcie; en la duaspeca asocio ĉiu membro enmetas ian akcion, ekz. 10 Sm. jare, kiuj formas fundamenton kapitalan kaj estas aldonitaj per prunto el la Regna Banko; la profito estas ne nur komuna, sed ankaŭ dividata inter ĉiuj membroj.

La iniciatantoj de similaj asocioj estas plejparte vilaĝa inteligentularo: vilaĝskribistoj, instruistoj, pastroj, vilaĝestroj; antaŭnelonge la sinodo (ortodoksa eklezia fako) ne permesis al la pastraro enmiksi kaj gvidi la aferojn kooperativajn, sed la ministerio petis la sinodon permesi al pastraro esti membroj de l'kooperativoj, gvidi ilin kaj estri, se la membroj elektas ilin, ĉar en rusa vilaĝo mankas ofte aliaj gvidistoj; la pastraro estas tre proksima al la vilaĝanoj kaj scias bone la bezonojn de siaj parohanoj. La sinodo donis sian permeson, kaj nun en multaj sukcesplenaj kreditasocioj pastroj estas iniciatantoj kaj gvidistoj, speciale en Siberio, kie nur pastroj kaj instruistoj estas kompare kleraj homoj. En Transbajkalo preskaŭ ĉiuj pruntedonaj asocioj estas malfermitaj dank'al pastraj klopodoj.

*(Daŭrigota.)* Pastro *Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

## Anabiozo

Antaŭ ses jaroj mi komencis, laŭ komisio de la Bostona universitato, esplori la temperaturon de la insektoj. Mi ne priskribos ĉi tie, speciale por tiu celo, la aranĝitajn de mi aparatojn; mi diros nur, ke la temperaturo de la insektoj estis duongrade pli malalta ol la ĉirkaŭanta ilin aero. Estas natura afero, ke mi daŭrigis la esplorojn ankaŭ tiam, kiam la insektoj troviĝis en la aero sub temperaturo pli malalta ol 0°. Por tio ĉi mi lokumis papiliojn, skarabojn, lokustojn, abelojn k. t. p. en malplenan glason, ĉirkaŭitan de miksaĵo el neĝo kun salo. Observante la propran temperaturon de la papilio, troviĝanta en tiel malvarma aera ujo, mi rimarkis, ke ĝi regule malleviĝis, venis ĝis 0° kaj poste, atinginte malvarmon proksimume dekgradan, tuj leviĝis je unu grado, t. e. okazis salto de l'temperaturo. Post tio ĉi la temperaturo denove komencis malsupreniĝi, kaj kiam ĝi atingis denove malvarmon proksimume de 10°, la papilio mortis.

La unua penso, kiu venis en mian cerbon rilate al la morto de la papilio, estis tiu, ke ĝi mortis kaŭze de frostiĝo de ĉiuj siaj sukoj. Tamen, tio ĉi estis necerta. Granda vico de la specialaj esploroj montris, ke ĉiuj sukoj de la insekto malmoliĝas jam ĉe kvingrada malvarmo.

Aperas, sekve, demando: kion prezentas la insekto, kies ĉiuj sukoj glaciiĝis! La respondo povas esti nur unu: La insekto en tiu stato ne vivas, ĉar ĝi povas havi nek spiradon, nek sangiradon, nek digestadon, kaj ĉiuj ĝiaj vivaj funkcioj haltas, la funkcioj de ŝanĝado ne okazas, do, la insekto ne vivas. Sed ĝi ankaŭ ne mortis, ĉar kiel oni diris supre, ĝi mortas nur ĉe dekgrada malvarmo.

Do, oni trovis novan, ĝis nun ne konatan staton, en kiu la insekto troviĝas sur ia ŝtupo inter vivo kaj morto. En tiu ĉi stato la vivestaĵo troviĝas inter 5 kaj 10 grada malvarmo, sed nur post la temperatura salto. Tiun ĉi staton mi nomis anabioza kaj la strangan aperon — anabiozo, kiu ankoraŭ en 1719 estis konata sub la sama nomo al Leuwenhoeck — por sekigitaj organismoj.

Por pli aŭ malpli klare prezenti la staton de vivestaĵo, en kiu ĝi ne vivas kaj ne mortis, ni prenu por ekzemplo muran horloĝon. La pendolo balanciĝas, la horloĝo funkcias, — ĝi vivas; sed sufiĉas nur per la mano haltigi la pendolon, kaj la horloĝo plu ne funkcias, — ĝi ne vivas — sufiĉas nur puŝi la pendolon, kaj la horloĝo denove funkcios, — ĝi ekvivas. La haltigitan horloĝon oni povas kompari kun la haltado de la vivo de vivestaĵo, t. e. kun anabiozo. Alivorte, anabiozo prezentas haltadon de biologia pendolo organisma.

Por tiuj ĉi esploroj, presitaj en diversaj sciencaj ĵurnaloj en la rusa, germana kaj franca lingvoj, la Imperiestra akademio scienca en Peterburgo honoris min en 1902 per la internacia premio de la mortinta akademiano Ber, kaj krom tio embriologo Aŭgusto Vejsman en Germanujo skribis al la unua volumo de mia verko pri la demando antaŭparolon, en kiu li diras interalie: „Mi antaŭvidas, ke la esploroj de profesoro Baĥmetjev donos grandan literaturon en la scienco.“

Flatite de tiuj ĉi atestoj, mi daŭrigis miajn esplorojn pri anabiozo de vivestaĵoj. Mi esploris tiurilate ranojn, lacertojn, fiŝojn kaj fiksis iliajn mortajn punktojn kaj la krizan temperaturon, kiu komencigas la salton. Tamen estis necese iri pluen laŭ la celata vojo: estis bezone esplori mambestojn. Mia amiko, profesoro de fiziologio en Vieno, Sigizmund Eksner, konsilis al mi preni por tia celo komence vespertojn. Tamen, por la esploroj mi ne havis monrimedon. Mi turnis min al la Berlina, Viena kaj Peterburga akademioj petante la helpon, sed mia voĉo restis voĉo de l'vokanto en dezerto. Mia peto al la instituto de eksperimenta medicino en Peterburgo ne estis plenumita de ĝi. Tiam mi skribis al la monfondo de Ledencov, en Moskvon, kaj ricevis la bezonatan materian subtenon. Tiamaniere, la scienca mondo sciiĝis la pasintan jaron pri miaj esploroj de anabioza stato ĉe vespertoj.

Nun mi devas diri, ke de tiu momento komenciĝis la nova epoko de mia sciencista laborado. Tiam la ministrejo de agrikulturo en Peterburgo turnis sian atenton al mi kaj donis monhelpon de Sm. 2000, por esplorado de praktika aplikado de anabiozo ĉe parazitoj por batalado kontraŭ la difektantoj. Poste la redakcio de „Russkoje Slovo“ malfermis monkolektadon por miaj pluaj esploroj pri anabiozo, kaj la nun ricevataj monrimedoj permesas al mi atingi mian celon.

*(Daŭrigota).* P-ro *P. Baĥmetjev.*

Trad. *J. Dolgov* (Moskvo).

## Hundoj en Parizo

Ĉiu, kiu iris al la strato Richepanse, tre proksime de La Madeleine, certe atentis montrofenestron de kurioza speco. Tie estas hundvendejo, kiu prezentas siajn vivantajn komercaĵojn al publika rigardado. Interne malantaŭ la vitro troviĝas du vicoj da fakoj, unu malsupra por pligrandaj hundoj, unu supra por la malgrandaj lukshundoj. Sur palbluaj kaj rozkoloraj silkkusenoj kuŝas la kunvolviĝintaj malgrandaj Blenheims, Pekinois, King-Charles, kaj alinomaj. Ŝajnas, ke ili sentas kiel eble plej da enuo; la plej multaj el ili elektis

dormi por eviti la malgajecon. Kelkaj sidas rigardante la homfluon tie ĉi ekstere, kvazaŭ ili volus diri:

„La iron de la mond' preter fenestro mia
Rigardi volas mi, dum la ventego pasas."

Eble estas iom pli agrable al la loĝantoj de la supra etaĝo, sed la kompatuloj de la suba etaĝo ŝajne estas tedataj, kiam ili vidas milojn da homaj kruroj preterpasantajn ĉe interspaco de du metroj. Tial la plejmulto de ili alturnis la dorson, kaj dormas, ili ankaŭ.

Tamen unufoje mi vidis polic-hundon, kiu kun vigla intereso rigardis la pasadon, sed eble ĝi intencis fariĝi specialisto je homaj tibikarnoj.

Unufoje mi eniris la butikon por havi iom da detalaj informoj. Prefere mi estus babilinta kun la hundoj mem, sed la komizo ŝajnis ne opinii, ke tio estus konvena, kaj tial mi devis esti kontenta aŭskultante la sekajn informojn de li. Kompreneble ili havas nur tre multekostajn bestojn. La plej malalta prezo estis 150 frankoj — por malgranda, vigla kaj gracia foksteriero. La prezoj cetere varias inter 200 kaj 600 frankoj, eĉ atingas ĝis 3000 kaj ankoraŭ pli. Ĉe la okazo la plej multekosta estis la interesata polic-hundo, sed ĝi estis plene dresita.

Pli interne en la vendejo troviĝas ankoraŭ du vicoj da kaĝoj kun hundoj. Antaŭ la kameno sidis plue du hundidoj, varmigante sin. Unu sidis kun klinita kapo rigardante la ardajon, kvazaŭ ĝia malgranda hundidcerbo primeditis la solvon de la malsimpla vivproblemo. La alia — malgranda „Blenheim" — venis tre modeste kaj demandis, ĉu ni iom ludos unu kun la alia, sed antaŭ la argusrigardo de la komizo mi devis respondi evite.

Tamen troviĝas aliaj vendistoj, kiuj havas hundejojn ekster la urbo, kaj enkondukas la bestojn nur kiam kliento inklinas aĉeti. Ekzemple „Gallina" havas sian hundejon en Rueil. Ŝajnas al mi, ke la bestoj tie estas multe pli liberaj.

Ĉe Strato de Castiglione la sama firmo havas vendejon por nur hundekipaĵoj. Tie troviĝas ĉiu ebla objekto, kaj eĉ neeblaĵoj kun rilato al hundoj. Unue ili havas kolrimenojn, jungaĵojn, ĉenojn, vipojn, brosojn, kuracilojn k. t. p. de efektiva, praktika valoro, sed kiam ili prezentas diversajn luksaĵojn oni vere konsterniĝas. Evidente ne estas malgrandaj pretendoj, kiujn tiuj ĉi dorlotitaj lukshundoj havas je la vivado. Ili devas havi broditajn silkovrilojn kiel promenadvestojn, aliajn pli varmajn kune kun okulvitroj por aŭtomobilveturoj; se pluvas ili havas kaŭĉukajn mantelojn kun galoŝoj, kaj por la noktoj ili havas dormrobojn el flanelo. Iliaj korboj estas interne kovritaj je palblua aŭ rozkolora silkŝtofo kiel bombonujo; sinjoro Tou-Tou eĉ devas havi naztukon, prefere kun nobela krono, se li rajtas tion. Sed la ekstremaĵo de ĉio tamen estas la „brakjuveloj" por meti ĉirkaŭ unu el la kruroj. Mi vidis tiaspecan malgrandaĵon plenan je pendantaj metalkugloj kaj apenaŭ pli grandan ol por mia malgrandfingro. Por vojaĝoj plue troviĝas specialaj ledaj ujoj kun akvotaso, ordinara broso, dentbroso — efektive dentbroso — kaj kelke da aliaj necesaj objektoj, sen kiuj hundo kun ambicio ne povas havi bonstaton.

Sed ili estas speciala tipo, tiuj ĉi malgrandaj dorlotitaj lukshundoj en Parizo. Bedaŭrinde mi ne povas diri, ke ili estas simpatiaj; ili perdis tro multe el la primitiva brava hundkaraktero, kaj ŝajnas nur esti ridindaj ludiloj. Estus pli bone, se iom el la prizorgoj malŝparataj je ili anstataŭe estus dediĉata al iliaj suferantaj kolegoj en la ĉeval- kaj hundmondo. Tio estus bezona, sed mi ne kredas, ke la parizanino faras ion pro intereso pri la bestprotektado. Ŝi dorlotas sian hundon nur por sia propra ĝuado.

*Rosa Nordenskjöld.*
Trad.[1] *Iln.*

[1] El gazeto *Stockholms Dagblad.*

# NOTOJ

∴ **Doganaj faciligoj.** — Oni jam provis sur kelkaj linioj por la vojaĝantoj de la kontinentaj vagonaroj la dumveturan viziton de la pakaĵoj. La ŝipkompanio Hamburg-Amerika, por eviti al siaj vojaĝantoj, la longajn kutimajn formalaĵojn, decidis, ke doganinspektistoj regule iros al Cherbourg por enŝipiĝi sur la ŝipoj al Ameriko kaj ekzameni la pakaĵojn.

∴ **Statistiko de la ekspozicioj.** — Oni faris statistikon de la ekspozicioj dum 1912, 1913, 1914. Laŭ tio 696 okazis en 1912, 206 en 1913 kaj 59 en 1914. Multaj estas nomataj internaciaj, sed en la realeco grupigas nur la produktojn de la lando, kie ili okazas, aŭ de la najbaraj landoj. La Internacia Federacio de la ekspoziciaj komitatoj ilin kontrolas.

∴ **La loĝantaro de Hindujo.** — Laŭ la lasta denombrado la loĝantaro de Hindujo atingas la sumon de 315.132.537. Ĉe la denombrado de 1902 ĝi nombris 294.361.056. En dek jaroj ĝi do kreskis je ĉirkaŭ 20 milionoj.

El ili 3.876.203 estas Kristanoj (1.847.724 Katolikoj), 20.890 Izraelidoj, 66.643.412 Mohamedanoj, 217.586.920 Brahmanistoj, 10.810.097 Buddhistoj, 2.195.339 Siĥoj (Brahmana sekto) kaj ĉirkaŭ 9 milionoj fetiĉistoj.

∴ **Ŝipveturado sur la Rejno inter Basel kaj la Konstanca Lago.** — Internacia konkurso por projektoj pri ebligo de ŝipveturado sur Rejno inter Basel kaj la Konstanca Lago okazas en la nomo kaj por la konto de la societoj por la ebligo de ŝipveturado sur Rejno, kaj estas subtenata de la svisa kaj badena registaroj. La celo estas ricevi projektojn por la ebligo de ŝipveturado de la rivero Birs apud Basel ĝis la Konstanca Lago. La vojo por la ŝipoj permesu ke ŝarĝboatoj de 75 m da maksimuma longo, 11 m da larĝo kaj 2 m da profundo, tiritaj de vaporŝipoj, povu iri supren kaj malsupren, tiel longe kiel la profundeco (kaj la al tio rilatanta rapideco) de Rejno ne superos 3 m laŭ la mezurilo en Basel. La projektoj entenu: la planojn, kalkulojn kaj elspezojn por ĉiuj konstruaĵoj necesaj al la dirita celo, kun eblaj ŝanĝoj de la rivervojo de la ekzistantaj pontoj, kanaloj k. t. p. La projektoj, en germana lingvo skribitaj, devas esti alsendataj ĝis la 10 decembro 1914 al la „Societo por ebligo de la ŝipveturado sur la supera Rejno" (Verein für die Schiffahrt auf dem Oberrhein, Basel), kie oni de nun ankaŭ ricevas senpage la detalojn de la konkurso, kaj kontraŭ 200 Fr. (80 Sm.) ĉiujn kartojn, planojn, ĝisnunajn kalkulojn k. t. p. necesajn por la laboro. Tiu sumo estos redonata al la konkursantoj, kiuj ĝustatempe alsendos seriozan projekton. La tri prezoj estas Fr. 50.000 (Sm. 20.000), Fr. 35.000 (Sm. 14.000) kaj Fr. 25.000 (Sm. 10.000). — El *Die Rheinquellen,* no 6-7.

∴ **Popolaj universitatoj en Finnlando.** — En *„Les Documents du Progrès"*, D-ro Arvid Moerne, el Helsingfors, publikigas interesan artikolon pri la unua stato de la postlerneja instruado en sia lando. La unuaj universitatoj por la urba kaj kampara popolo estis fonditaj en 1892, laŭ la ideoj de pastro-poeto Grundtvig. La ĉefa afero por la finnaj instruistoj estas plifortigi la nacian senton ĉe la junuloj kaj ĝeneraligi la konon de la finnlanda historio. Oni detale studas la *Kalevala,* nacian epopeon plenan de profundaj pensoj; en la nuntempa literaturo troviĝas ankaŭ sufiĉe gravaj verkoj kies legado prezentas egan materialon por la kulturo de la nacia sento. Apud tiu tradicia instruado, lokon trovas lernado de la natursciencoj, komerca kaj literatura programoj. Al la geknaboj estas instruataj gramatiko, matematiko, geometrio, ortografio; precipe al la viretoj oni lernigas lignaĵarton kaj ferarton; al la filinoj, teksadon kaj kudradon. — Ses monatojn daŭras la kursoj: de la 1 novembro ĝis la 1 majo. Nun ekzistas en Finnlando 41 popolaj universitatoj, inter kiuj 14 svedlingvaj kaj 27 finnlingvaj. — M. G.

# LITERATURO

## PATRECO

Ĉi-sube oni trovos pri la prezentado de Patreco dum la Kongreso notojn, kiuj pro manko de loko ne povis aperi en la Kongresa Gazeto nek en nia lasta N-o.

Lucio, juna laboristino, kiu laboris, kiel ŝia patro Numa Favre, en horloĝfabrikejo, estas delogita de la filo de la mastro Ernest Bélaire. La mastro Constant Bélaire forigis sian filon kaj elpelis la junulinon. La interrilatoj de Lucio kaj Ernest ne estis sensekvaj; ŝi graveddiĝis, kaj ŝia patro ŝin malbenante ankaŭ forpelas. Ŝi ne volis al li konfesi la nomon de ŝia delogointo, por ke la patro ne ĉesu sian laboradon en la fabrikejo, kie li estas de tiel longa tempo.

Reveninte el Ruslando, Ernest, al kiu lia patro kredigas, ke Lucio foriris por diboĉi, estas fianĉigita kun Georgine, filino de riĉulo, beleta, noblanima kaj simpatia.

Dum nokto, Lucio naskis sur la strato; oni ŝin portis al la hospitalo. Tion eksciis Numa Favre, kiu kuris al la hospitalo, kaj prokraste li alvenas en la laborejon; sed li nun ne plu laboros ĉe Bélaire, ĉar Lucio konfesis, ke la patro de la ĵusnaskito estas la filo de la mastro. Numa prenas siajn laborilojn por ilin forporti el tiu domo de malnoblaĉuloj, sed ekscitite, uragane, li enkuras la oficejon de l'mastro. Ĉu li insultegos lin? Ĉu li lin mortigos?

Ernest surprize aŭdas la diskuton inter sia patro kaj la laboristo, kaj tiel li ekscias, ke Lucio, pelita de ĉiuj, naskis infanon de li. En emociiga sceno li akre riproĉas sian patron, kiu mensogis al li. Sed nun li dubas, li ŝanceliĝas. Kion li faros? Kion li devas? Ĉu li devas morale kompensi al Lucio edziĝante al Lucio kaj alprenante la infanon, kaj adiaŭante Georgine? La patro diplomatie, ruze, malnoble lin devigas al tuja edziĝo kun Georgine, la riĉa burĝino.

Matene kelkajn horojn apenaŭ antaŭ la geedziĝa ceremonio, Lucio, kun la uleto en siaj brakoj, pala, mizera, eniras la ĉambron de Ernest. Ŝi volas, ke dum tuta lia vivo lia konscienco al li riproĉu, ĉar li troprofitis la amon kaj la sincerecon de junulino, kiun li poste maldelikate forlasis. Ernest vidante sian idon emociiĝas, kaj rigardante ŝiajn okulojn ĝeme ekploras, kaj kiam la patro eniras kun Georgine, li krias, montrante Lucion: „Mia edzino? Jen ŝi estas!“

S-ino Wolf, la estiminda aŭtorino, al ni ripetis, ke tiu dramo estas vivo. Efektive, kaj plej kruela vivo, vivo de virino. Sed tamen, ĉu vivaĵo povas esti teatraĵo? Parolante pri la prezentado en La Chaux-de-Fonds, en franca lingvo, ĵurnalisto komparis tiun verkon kun tiuj, kiujn oni ludas en Paris ĉe la „Grand Guignol“. Ni opinias tiun juĝon maljusta, ĉar vere la dramoj de la „Grand Guignol“ estas teatraj. Ni tute samopinias kiel S-ino Wolf pri la troterurajoj de virina vivo, sed ni dubas, ĉu viva teatraĵo aŭ teatra vivaĵo kapablus ion ŝanĝi en la maldecaj moroj. Ni instruu moralon en lernejo, ne sur scenejo; tie estos instruo; sur scenejo estas nur ludo.

Tre certe prezentado de „Patreco“ en nacia lingvo antaŭ popola publiko havus grandegan sukceson, ĉar la popola koro pli sincere, pli nature emociiĝus.

Varmaj aplaŭdoj aŭdiĝis plurfoje, precipe kiam Numa Favre enkuris la mastran oficejon. Kaj ni speciale notis la jenajn frazojn, tre karakterizajn:

„Ĉu juste estas, ke la virino sole suferu pro siaj agoj?“ (Tinjo, I, 1, p. 11.)

„La bonaj burĝinetoj, al kiuj la vivo milde ridetis, unuaj sin deturnas de siaj malfeliĉaj fratinoj, kiuj estis kulpaj nur pro tio, ke ili fariĝis viktimoj de malhonestaj viroj.“ (Germaine, I, 1, p. 12).

„Pripensu la moralajn suferojn, kunigitajn kun la korpaj doloroj, kiujn ŝi devis elteni, tute sola en nokto, forlasita de ĉiuj, je la horo la plej peniga en virina vivo, je la sankta momento... Jes, sankta! Kaj virino iĝanta patrino devus esti alte respektata.“ (Germaine, II, 4, p. 23.)

Germaine cetere estas la nobla morale parolanta persono de l'dramo.

La geaktoroj, kiuj eklernis Esperanton nur antaŭ kelkaj monatoj, estas ĉiuj horloĝlaboristoj en La Chaux-de-Fonds, kaj ili estas vere laŭdindaj pro siaj penadoj. Certe ilia ludo ne estis profesia; nekontesteble ilia elparolado ne estis perfekta. Sed apartan citon meritas S-ino L. Liechti, F-inoj Hug kaj C. Brandt, S-roj Ch. Brandt, L. Liechti kaj Reutter.

*Anjo.*

* * *

**Aŭtunaj floroj,** dek originalaj poemoj de D-ro *Stanislav Schulhof.* — 1912. — Universala Esperantia librejo, Genève, 10, rue de la Bourse. — Prezo: Sm. 0.25.

Dekon post deko, jaron por jaro flugas tra la Esperanta ĉielo la versbirdaroj de D-ro Schulhof, kaj ilia flugado fariĝas pli kaj pli facila, vigla kaj alta.

Profunde kaj kviete dormis la poeto, sed Eska (S-ro St. Karolezyk) instigis lin, riproĉis lian mallaboremon kaj, feliĉe por nia literaturo, lin vekis el kloroforma dormo. — Kie estas via kanto? skribis al li Wiktor Elski (S-ro St. Braun).

Mi ne scias, ĝi flugis de mi for!
Tial se vi kanton mian koni volas,
Serĉu en natur' ĝin, kie vivo bolas,
Sed ne en la libroj ie sur paper';
Inter papilioj, muŝoj, floroj ĉarmaj.
Sur herbejo verda, en radioj varmaj
Mia kant' petolas ie sur la ter'. (P. 10.)

Sed ne nur al la poezio apartenas de nun la poeto, sed ankaŭ al Esperanto, kies sklavo li fariĝis:

Al vi apartenas nune vivo mia,
Ĉio, kion jaroj lasis en la koro. (P. 14).

Kvankam ofte la Esperemo trompis la homaron, tamen ni devas esperi, ĉar

Vivo sen Espero estus sen risorto,
Senenhava vivo, animala sorto...
La infero estus nia viv' sur tero,
Se ĝin ne dolĉigus iam la Espero. (P. 18.)

Sed plejmulte min kortuŝis la du sekvantaj poemoj.

1e Funebra kanto al memoro de Tolstoj (p. 21):

Ho, povas plori vi popolo muta,
En hejmo lia kaj en mondo tuta
Sur tomb' de homo nobla, granda, ĉasta,
De rusaj landoj al maro vasta;

2e Al la memoro de W. T. Stead, kiu pereis en plej terura markatastrofo (p. 23):

Unu kunpuŝiĝo kaj... finiĝas ĉio!
Mastoj tuj falegas, staras la radar',
Kaj la koron disŝiranta plor' kaj krio
Disvastiĝas en mallumo sur la mar'.
Homa verko ŝanceliĝas kiel ŝelo
Kaj en ondoj dronas ankaŭ Verda Stelo.

Plej ĉarme sprita kaj delikata estas la Letero al Amiko Eska (p. 25), rememorajo pri la Krakova Kongreso. Sur Centro de Plantacioj (parko ĉirkaŭanta la urbon Kraków) nokte sidis ambaŭ poetoj, malfermante unu al la alia siajn korojn

Kaj dum ni parolis unu kun alia
Nova kant' ekĝermis en interno mia,
Sed survoje hejmen mi ho!... perdis ĝin.
Tage, nokte mi ĝin serĉis, tamen vane,
Ĉiuj ĝiaj postesignoj estis for...

Sed la „amiko Eska“ pro stranga hazardo — aŭ mirinda sekreta interŝanĝo — retrovis la perditan poemon.

Kvankam vi alian al ĝi formon donis,
Tamen mi la kanton mian tuj rekonis...

Ho! Esperantistoj, miaj fratoj, al vi mi diras en vero, ke ni povas tutkore ridi aŭdante, ke Esperanto ne taŭgas por literaturo kaj poezio. Legu, relegu kaj trasentu tiun kolekton da juveloj, kaj vi aplikos al ĝi tiujn du versojn (p. 8):

Ĝi ja estas vera kora fluidaĵo,
Tute fundamenta kaj laŭ leĝa formo.

*Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Vivo kaj lingvo*

*Kun granda plezuro mi legis dum la somera libertempo la belan libron de P-ro Ch. Bally, el Ĝenevo, kies titolo estas:* La Lingvajo kaj la vivo[1]. *Ĝi vere estas nur la presajo, kun kelkaj pliaj klarigoj, de la du paroladoj, kiujn faris la klera profesoro en la Pariza Sorbonne en februaro de tiu ĉi jaro, paroladoj, pri kiuj mi jam en* „Lingvo Internacia" *atentigis la Esperantistaron. La libro estas dediĉita al la memoro de la majstro de l'aŭtoro, la fama, tro frue mortinta, lingvisto Ferdinand de Saussure, frato de nia samideano René de Saussure. La ĉefajn ideojn de l'majstro la leganto retrovas en tiu ĉi verko de lia disĉiplo.*

*Certe, pri kelkaj punktoj, mi ne povas plene konsenti kun mia eminenta Ĝeneva kolego. Esperanton li ne „konas", aŭ, almenaŭ, li ne konas ĝian praktikan programon kaj vivplenan esencon: por li, ĝi estas nur ia „logikajo". Aliparte, ŝajnas al mi, ke li tro ignoras, kvazaŭ sisteme, la gravecon de la skribita lingvo kaj ĝian neduban influon en la kulturitaj popoloj sur la parolatan lingvon, kies tro rapidan evoluon ĝi tre malhelpas.*

*Sed, en tia libro, la ĉefa afero estas la ĉefa tezo, kaj en tiu ĉi ĉefa tezo mi retrovis kun granda ĝojo, pli larĝe, pli klare, pli aŭtoritate esprimitan, ideon, kiun mi penis elvidigi jam de multaj, multaj jaroj en plej diversaj artikoloj ĉu en* „Lingvo Internacia", *ĉu en aliaj gazetoj, ĉu en antaŭparoloj: La vivo, skribas la eminenta franca filozofo Bergson, superŝutas la intelekton en ĉiuj direktoj. Tute prave S-ro Bally aldonas, ke tio ĉi estas precipe vera rilate al la lingvajo, kaj el tiu ĉi konstato li tiras la necesajn konsekvencojn.*

*Kaj ni, Esperantistoj, se ni tro perdas nian tempon ĉiam disputante pri la pli malpli severa logikeco de nia lingvo, se ni penas enfermi nian nun vivan lingvon en la mallarĝaj limoj de pura logiko, kio okazos? — Ni simple forprenos de Esperanto, kun la emoj al la Belo kaj al la Bono, — plej veraj vivfortoj — la vivon mem, kiu estas tie ĉi la sole grava afero.*

*Ĉu tio signifas, ke la logiko, kiu en lingva demando estas simple la leĝo de l'analogio, ne devas ludi sian rolon? Tute ne; sed tiu ĉi rolo estas modesta; ĝi ne estas la sola, eĉ ne la ĉefa. Ne nur „pensante" nian lingvon, sed ĝin „vivante" ni ĝin vivigis kaj daŭros ĝin vivigi.*

*Eble estas, ke post kelkaj centjaroj aŭ kelkaj miljaroj, kiam ĉiuj estos saĝuloj, tiam sufiĉos matematike logika lingvo, sed nuntempe simple homan ni bezonas, tuthoman, kaj ĝin donis al ni la genio de D-ro Zamenhof!*

Th. Cart.

[1] Ch. Bally: Le Langage et la Vie. *Genève, Atar. Prezo: 2 fr.*

## KRONIKO

**Novaj kursoj.** — *Barcelona* (Hispan.). — La 1. oktobro komenciĝis oficiala kurso en la universitato, gvidata de S-ro D-ro Coll, pastro. — La 17, septembro la lokaj ĵurnaloj konigis la inaŭguron de senpaga multvizitata kurso en Kolegio, gvidata de S-ro A. Casas, posedanto de diplomo. — A. P.

*Carignano* (Ital.). — Post sukcesplena parolado de S-ro Clerico fondiĝis nova kurso.

*Hildesheim* (German.). — Okazas nun 5 kursoj, el kiuj 4 estas gvidataj de S-ro E. Elten. Del., kaj 1 de S-ro Verbarg. Tiujn kursojn vizitas entute pli ol 100 personoj. La urbestraro konsentis senpage disponigi belan lernejan ĉambron. — E. E.

*Petrozsény* (Hungar.). — Komenciĝis du novaj kursoj sub la gvidado de S-ro L. Jámbor, Del., kun 16 kaj 25 anoj. — A. C.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Bern* (Svis.) — La 30 aŭgusto okazis en la universitato kunveno de feministoj. Pro samtempa okazo de aliaj gravaj fakkunsidoj tiu kunveno ne estis multe vizitita. Ĉeestis 38 gekongresanoj el 9 landoj. Sub la okaza prezido de F-ino Schenk, ĉiuj unuanime post mallonga diskutado sin deklaris nepre simpatia al voĉdonrajto por virinoj. Komisiono el 9 membroj estis elektita, kiu zorgos pri la kunveno aŭ kunvenoj de feministoj dum la Pariza Kongreso. Jam akceptis eniri tiun komisionon: S-ino Guérard, Parizo; F-ino Maureau, Bruselo; S-ino Gomet, Alger; F-ino Schenk, Lausanne; S-ro Forestier, Ĝenevo; krom tiuj estis proponitaj la jenaj nomoj: S-ino Goodliffe, Letchworth; S-ro D-ro Giesswein, Budapest; S-ino Privat, Parizo; F-ino Girard, Parizo. Pro neĉeesto ĉe la kunveno tiuj lastaj personoj ne povis doni respondon rilate al la elekto. Al la komisiono oni komisiis duoblan taskon: 1. trovi konatan feministon aŭ feministinon, kiu samtempe estas lerta Esperantisto kaj faros dum la X. Kongreso paroladon pri temo interesa por feministoj, 2. studi la rimedojn, kiuj povus akceptigi Esperanton kiel oficialan lingvon en la tutmondaj feministaj asocioj kaj samtempe klopodi interesi la esperantistaron al voĉdonrajto por virinoj. — A. S.

*Chemnitz* (German.). — La 17. septembro kolektiĝis multnombraj samideanoj por solene adiaŭi sian altestimatan amikon S-ron W. Hahn, kiu transloĝiĝos al Leipzig kiel instruisto de la reĝa saksa Esperanto-instituto. La prez. de la Chemnitz'a Ligo, S-ro Schneider, transdonante honordonacon, per varmaj vortoj laŭdis la meritojn de la forironto pro la antaŭenpuŝo de Esp. kaj gratulis lin en la nomo de la Ligo pro lia nova ofico, per kiu li estis distingata. Emociite poste S-ro Hahn dankis koregе kaj diris, ke li estas ĝojigita montri per sia persono al la mondo, ke Esperanto jam nun estas profitiga por ĝiaj anoj. La Esperanto-himno kaj aliaj kantoj, kiuj alternis kun diversaj paroladoj, ornamis la feston, kies partoprenintoj disiĝis nur en tre malfrua horo. — F. W.

*Firenze* (Italujo). — De la 11.—14. septembro okazis ĉi tie la Nacia Kongreso de la geinstruistoj; nia Delegito, S-ro Scarselli, alportis al ili la salutojn kaj la bondezirojn de UEA kaj disdonigis al aŭtoritatuloj kaj ĉiuj geinstruistoj tre gravan bultenon enhavantan alvokon, en kiu oni proponas al ili aliĝon al la nova Itala Asocio de Instruistoj. En la granda teatro Verdi S-ro Scarselli kun malgranda monhelpo de kelkaj UEA-anoj aranĝis ekspozicion, kiu plene sukcesis. — L. S.

*Posen* (German.). — La 14. aug. „Pola Esp.-Societo" aranĝis publikan propagandan kunvenon en salono de „Resurse". Parolis nur esp. S-ro Dro L. Czubrynski el Krakow pri „La Esperantismo kaj la naciaj kulturoj". Ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj. — A. B.

*Rugby* (Angl.). — Okazis kunveno de esperantistoj, kiu tre bone sukcesis. Alvenis multaj vizitantoj el la ĉirkaŭaĵo, kiuj estis akceptitaj de la loka grupo. Posttagmeze oni faris viziton al la mondfama Lernejo; post la temanĝo S-ro Heisse, el Berlin, ĝuigis la anojn per parolado pri siaj vojaĝspertoj tra fremdaj landoj. Rigardo de la paroĥa preĝejo kaj promenado tra la urbo kaj la parko „Caldicott" finis la festeton, kiu certe lasis en ĉiuj agrablajn rememorojn.

**Paroladoj.** — *Frankfurt a. M.* (German.). — S-ro Robert Kreutz faris propagandparoladon en „Praktiker-Vereinigung Stolze-Schrey" Frankfurt a. M., kiu havis la tutan intereson de ĉiuj aŭdintoj. La estraro speciale interesiĝis kaj ekkomencis lerni Esperanton. — En Stenographen-Verein „Stolze-Schrey" Frankfurt a. M.—Bockenheim okazis plua parolado de S-ro Kreutz, kiun aŭdis pli ol 60 gestenografistoj. Multaj interesiĝis, kaj fino de Septembro okazas komenca kurso. — R. K.

**Propagandvojaĝo.** — Dr. Antoni Czubrynski el Kraków (Galicio) vojaĝante tra Siberio, faris jenajn propagandajn prelegojn: 1 VIII k. j. je 8—9 vespere prelegis Esperante en Teschen „Pri diversaj demandoj en nia movado"; 6 VIII je 9—10 vespere en Breslau en la grupo de la verdsocialistoj (Gewerkschaftshaus, Margaretenstr. 17) Esperante kun germana resumo: „Esperanto kaj la socialismo"; 7 VIII je 9—10 vespere Esperante en Breslaua Grupo: „La Esperantismo kaj la naciaj kulturoj" kun la diskutado; 13 VIII je 9—10 vespere en Posena Societo de Polaj Esperantistoj (Martinstr. 68) pri la propagandaj demandoj; 14 VIII je 9—10 vespere en Posen *publika* prelego Esperante: „La Esperantismo kaj la naciaj kulturoj". En plena ĉambro ĉeestis multaj neesperantistoj. Antaŭe aperis artikolo de la preleganto: „Pri Esperanta lingvo kaj la movado", post la prelego favoraj raportoj en la polaj gazetoj. 21 VIII je 8—9 vespere en Gneren publika prelego pole „pri la Esp. lingvo kaj la movado", sekvita de du artikoloj samtitolitaj de la preleganto en loka jurnalo pola „Lech". Laŭvola enirpago. La preleganto dediĉis ĝin por la elspezoj de la estonta fondinto de la loka grupo. 1 IX vespere en Elbing loka Societo Esperanta: „pri nia Esp. movado" kun germana resumo. Krom la publikaj prelegoj la preleganto intervoje kelkfoje persone propagandis, ne havante la tempon por la publika prelego. Sume aŭdis la prelegojn kvarcent kelkdekaj personoj minimume. — A. C.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Esperanto kaj turismo.* — Oni scias, ke la urba informejo de Düsseldorf eldonis gvidlibron kun Esperanta resumo. En la jara raporto de la dirita informejo oni povas legi la jenan ateston pri la valoro de Esperanto kiel reklamilo:

„... Kian valoron internacia propagando povas havi, montras jena fakto, kiu estis sciigata dum la estrarkunveno de nia urba informejo. En la ĵus eldonita malgranda gvidlibro de Düsseldorf troviĝas sur la lasta paĝo mallonga priskribo de Düsseldorf en Esperanto. Apenaŭ tiu ĉi fakto estis konata, kiam venis el ĉiuj regionoj de l'tero ĉiutage demandoj pri Düsseldorf, el Rusujo, Italujo, Svisujo, Belgujo, Francujo, Hungarujo, k. t. p."

∴ *Esperantista ekspozicio.* — Internacia Ekspozicio de Esperantistoj okazis en Kladno (Bohemujo) la 15—26 aŭgusto, aranĝita de la tiea Esp.-Klubo. Tiu ekspozicio, bone aranĝita laŭ la fotografaĵoj, kiujn ni ricevis, kaj tre kompleta pri ĉiuj aplikoj de Esperanto, havis tre grandan sukceson. Multenombraj estis la vizitintoj, kaj dokumentitaj gazetartikoloj montras, ke tiu iniciato havis feliĉan rezultaton por nia afero en tiu regiono.

∴ *Honorigo al Doktoro Zamenhof.* — La urba konsilantaro de Sotteville-lès-Rouen (Francujo) decidis doni la nomon Zamenhof al unu el la urbaj stratoj. La montra plato estos solene fiksata okaze de la VII[a] Kongreso de la Normandaj Grupoj dum 1914. Niajn gratulojn al la progresema urbestraro.



## TRA LA GAZETARO

∴ *„Universala Unuiĝo"* — ĵurnalo presota dulingve — Esperante, angle aŭ ruse, aperonta neperiode, laŭ la kolektota materialo. La unua n-ro prezentas 86-paĝan kajeron, kies ĉiuj artikoloj, esceptinte kelkajn, estas presitaj en Esperanto, kun sama teksto angle, ruse aŭ germane. Jen la traktataj temoj: Religio, filozofio, vivplisimpligo, laborkolonioj, vegetarismo, kooperativoj, agrarreformoj, libera edukado, paco, universala lingvo k. t. p. Rilate al tiu jurnalo nia Del. en Moskvo, S-ro S. Szabunievicz sendas al ni la jenan noton:

„...Se ni rajtas esprimi nian opinion pri la valoro de noveaperanta ĵurnalo, laŭ ĝia unua numero, ni ĝoje konstatu, ke aperis nova lumturo, alcentrigonta la dise laborantajn progresemulojn. Ĉiu, kiu celas vivplibonigon, komencante ĝin de sia propra, ĉiu, deziranta helpi siajn proksimulojn, senbrue kaj anonime, ĉiu celanta kreskigi sian animon — aliĝu al la afero kaj helpu kunigi la disajn penadojn de la bonvolemuloj, dissemitaj tra la tuta mondo.

*Szabunievicz.*

∴ *Neue Lodzer Zeitung* kaj *Gazeta Lodzka* malfermis konstantajn Esp. fakojn, aperantajn ĉiudimanĉe. La fako de la unua gazeto estas redaktata de S-ro H. Zimmermann, la alian redaktas S-ro J. Ŝapiro.

∴ *Bohemia,* ĉiusemajna beletristika gazeto en Habana, enhavas konstantan fakon pri Esp., direktatan de S-ro D-ro A. Alemán Ruiz, Del. En la lasta n-ro la tuta paĝo estis dediĉita al UEA.

∴ *Informa Bulteno,* organo de la Esperanta Fako, starigita en la Ĝenerala Korespondа Klubo (Red. Bela David, universitato, Kolozsvar (Hungar.).

∴ *Esperanto,* pola-esperanta revuo, ĉiusemajna, organo de la Poloj en Usono (Red. 1041, Milwaukee Ave., Chicago).

∴ *Pro Esperanto,* bulteno de la Delegito de UEA en Firenze.

∴ *Amerika Esperantisto* (aŭgusto). *Ĉu angla lingvo, ĉu Esperanto* (Edmond Privat):

„... Kial povas naciaj lingvoj eĉ spite de maljusteco kaj malfavora sperto ĝis ia grado renkonti sukceson kiel internacia lingvo, kaj kial multaj ne volas aŭdi pri Esperanto? Ĉar ili sentas la vivon de tiuj naciaj lingvoj kaj ŝatas la povon de ilia ĉiutage kreskanta amaso da esprimita idea materialo, dum ili imagas, ke Esperanto, kvankam facila kaj neŭtrala, estas senviva, artefarita, sen tuja utilo

kaj tute malriĉa je ia ajn valora literaturo. Kial ili kredas tion? Grandparte pro nia propra kulpo, ĉar ni nesufiĉe komprenis mem kaj ankoraŭ pli nesufiĉe publikigis, ke Esperanto estas vivanta, ke ĝi estas tuj praktike utila kaj ke ĝi reprezentas tre valoran povaĵon de propraj ideoj kaj sentoj esprimitaj en ĝia literaturo. . . ."

.·. *Pacifika Espero*, eldonita de la Esp. Kluboj de Berkelejo, Oaklando kaj San Francisko (Kalifornio). La 1a No de tiu gazeto estas dediĉata al invito por ke la XIa Kongreso de Esperanto okazu en San Francisko.

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Gablonzer Tageblatt* (10 sept.); *Basler Nachrichten* (10 sept.); *Der Bund*, Bern (11 sept.); *Weinheimer Anzeiger* (12, 16, 17 sep.); *Rorschacher Zeitung* (17 sept.); *Ostschweizerisches Wochenblatt*, Rorschach (18 sept.); *Rorschacher Bote* (18 sept.); *Journal de Rolle* (10 sept.); *La semaine*, Paris (14 sept.); *Dublin Evening Mail* (15 sept.).

Oficialajn Delegitojn al la Berna Kongreso sendis la jenaj ĵurnaloj: *L'Eclair, La Démocratie, Excelsior, Comœdia.* Pro manko de loko ni ne povas citi la nomojn de la tre multnombraj ĵurnaloj, kiuj aperigis pli-malpli longajn artikolojn pri la Berna Kongreso.

**UEA kreskos kaj fortiĝos precipe per la individua agado de ĉiuj siaj membroj.**

**Por 1914 ĉiu Esperantiano klopodu por varbi almenaŭ du novajn Esperantianojn!**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kotizaĵo 1914.** — *Ĉiuj novaj aliĝoj al UEA estos de nun kalkulataj por la jaro 1914.*

*Ĝisnunaj Esperantianoj kaj Entreprenoj povas de nun repagi la kotizaĵon por 1914.*

*La kotizaĵoj por 1914 estas la samaj kiel ĝis nun, nome:*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegito, aŭ se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en januaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

### Garantia kapitalo.

| Listo de garantiantoj | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 20.000 |
| 93. G. V. R. Hilding, Hartford (Usono) | 125 |
| 94. G. Altenstadt, Genève | 125 |
| Frankoj | 20.250 |

Entute (ĝis la 25 septembro) 94 Garantiantoj mendintaj 162 atestojn, valoro 20.250 frankoj (8100 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto.*

**Al la Delegitoj de UEA.** — Dum oktobro ĉiuj Delegitoj ricevos N-on 17 de la *Oficiala Bulteno*, kiu enhavos ĉiujn necesajn klarigojn pri ilia administra agado por la asocia jaro 1914. La Bultenon akompanos ĉiuj necesaj cirkuleroj por la repagigo de la kotizaĵoj, varbado de novaj membroj, transdono de la kotizaĵoj, k. t. p.

**Oficiala Jarlibro 1914.** — La eldono 1914 de la Oficiala Jarlibro estas nun en preparado. Ni petas niajn Delegitojn kaj membrojn, ke ili bonvolu kiel eble plej rapide komuniki al la C. O. de UEA siajn proponojn por eventuala plibonigo, korektojn, rimarkojn, k. t. p.

**Balotado de la Komitato.** — La balotado de dek Komitatanoj kaj tri Vickomitatanoj por nova periodo de tri jaroj okazos en decembro. Ĉiuj membroj dezirantaj sendi proponojn pri kandidatoj bonvolu tion komuniki al la C. O de UEA antaŭ la 30 novembro. Estos enskribataj sur la listo de la kandidatoj nur la personoj, kiuj mem formale akceptis la kandidatecon.

**Por Esperantistaj organizaĵoj.** — Ni rememorigas, ke aliĝante kiel Esperantiaj Entreprenoj la Esperantistaj organizaĵoj (grupoj, societoj propagandaj aŭ fakoj) pagas kotizaĵon de nur *Fr. 7. 50*, kaj interŝanĝe havas la jenajn rajtojn:

1e *Ricevi dum unu plena jaro la duonmonatan gazeton „Esperanto"* (oficiala organo de UEA), kiu enhavas regulajn kaj multnombrajn informojn pri UEA, pri la Esperanta movado kaj pri demandoj de internacia intereso.

2e *Esti enregistrata*, kun ĉiuj necesaj informoj, *en la Oficiala Jarlibro de UEA.* Tiu eldonaĵo, ekzistanta de kvin jaroj, estas sendata al ĉiuj membroj de UEA. Ni do povas garantii minimuman presadon de 8000 ekzempleroj. Pro tiu granda disvastiĝo oni facile komprenos la utilecon, kiun por ĉiu Esperantista societo prezentas ĝia enskribo en nia Jarlibro.

3e *Ricevi la Oficialan Jarlibron de UEA* kun rajtiga karto de Esperantia Entrepreno.

La kondiĉoj estas do tre favoraj, kaj ni ne dubas, ke multaj Esperantistaj organizaĵoj profitos ilin.

### Novaj Delegitoj.

*Bassein* (Burna, Northern Shan States). — D.: L. W. Cronkhite.

*Big Rapids* (Usono, Michigan). — D.: Paul M. Schuyler, Lock Box 160.

*Blackburn* (Anglujo, Lancashire). — D.: F-ino Mathers, 62, Railway View Great Harwood.

*Cienfuegos* (Kubo). — D.: A. M. Oliva, Leŭtenanto dé Guardia Rural.

*Delphos* (Usono, Ohio). — D.: Julian E. Fast. West 5th street.

*Göttingen* (Germanujo, Hannover). — VD.: W. Öhlmann, Lange Geismarstr. 45.

*Kineŝma* (Rusujo, Kostroma gub.). — D.: Johano Bajkov, Tomno

*Monkton* (Usono, Maryland). — D.: Eugene Kerr, D-ro, Baltimore Co.

*Montreal* (Kanado). — D.: Charles Bardorf, 730, Notre-Dame, Maison-Neuve.

*New-Port* (Usono, Rhode-Island). — D.: Michael F. Shea, 26, Thurston Ave.

*Niagara* Falls (Usono, New-York). — D.: J. S. Gianfranceschi, 317, Portage Rd.

*Nowata* (Usono, Oakland). — D.: A. M. Flesher.

*Peine* (Germanujo, Hannover). — D.: Hermann Frohns, Hohenzollernstrasse 27.

*Plain-View* (Usono, Nebraska). — D.: P. H. Petersen, Box 107.

*Port Richmond* (Usono, New-York). — D.: F-ino Cora L. Butler, 2074, Richmond Terrace.

*Rochester* (Usono, New-York). — D.: D-ro L. Roseboom, 672, E., Mainstr.

*Saint-Quentin* (Francujo, Aisne). — D.: Charles Violette, 16, rue de Jeanne d'Arc.

*Samara* (Rusujo, Samara gub.). — D.: A. Kolĉin, Polevaja 32 kv. 3.

*Spirit Lake* (Usono, Jowa). — D.: F. H. Battey.

*Topeka* (Usono, Kansas). — D.: John H. Fazel, 724, Taylor str.

*Trenton* (Usono, New-Jersey). — D.: F. Wm. Salt, 200, W. Hannoverstreet.

*Waterville* (Usono, Maine). — D.: Frederik W. Grover, Colby College.

*West Raleigh* (Usono, North Carolina). — D.: D-ro A. Rudy.

*Wichita* (Usono, Kansas). — D.: D. T. Armstrong, 702, So. Topeka Ave.

### Ŝanĝoj.

*Jindrichuv-Hradec* (Aŭstrio-Moravio). — D.: Frant. Kolman.

### Eksiĝoj.

*Bahia* (DD.: Söndahl); *Charleroi* (DD.: Ernst); *Freiburg i. B.* (D.: Wehinger); *Gourock* (D.: Barlow); *Melbourne* (VD.: Harrison); *Narva* (D.: Udrik); *Oakland* (D.: Gorham); *Pontarlier* (D.: Vauchy); *Rodas* (D.: Oliva); *Svajtoŝin* (D.: Polak); *Tiflis* (D.: Pavlova); *Zolotonoŝa* (D.: Andrievskie).

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

.˙. Ni ĉi tie presigas resumon de la dankparolado, kiun S-ro *de Szentmáriay*, garantianto de UEA, intencis fari ĉe la ferma kunveno de UEA en Bern, se la tempo ne estus tion malhelpinta: „Okaze de la ĵusa Stockholma Teozofia Kongreso, kune kun mia edzino, farante grandan vojaĝon el Budapeŝto ĝis Norda Kapo, ni ree havis la okazon persone konvinkiĝi, ke dank'al la laboroj de UEA kaj al Esperantismo, ni jam formas „grandan rondon familian". Turnante nin, laŭ la regularoj, al niaj Del. en Stockholm, Kristiania, Kopenhag, München, Augsburg, Wien kaj Nürnberg, ni ĉie ĝuis veran fratamon, konsciencan, plenan helpon kaj eĉ ne atenditan gvidadon. Ni serioze povas raporti, ke per niaj Del. ni ĉie ricevis veran familian hejmon. Tial mi esprimas miajn dankojn al ĉiuj Del., precipe al F-inoj Josefson kaj Höst, al S-roj Klingenberg kaj Tressel, kiuj eĉ nin atendis ĉe la stacidomo.

„La belegaj paroladoj ĉe la festa malferma kunsido konvinkis nin ĉiujn pri la gravegeco de UEA. Min precipe tiel kaptis la admono pri la neceseco de individua agado, ke, kvankam jam maljuna homo, mi tuj plenumis mian taskon, varbante mian edzinon kiel dumvivan membrinon de UEA."

Dankante nian fervoran Budapeŝtan samasocianon, ni esperas, ke multaj el niaj membroj sekvos lian ekzemplon.

.˙. S-ro *L. Lécorché*, Del. en Romilly-sur-Seine (Francujo), kiu kondukis gravan karavanon en Anglujon dum aŭgusto, korege dankas, je la nomo de ĉiuj, S-ron W. Alcorn, Del. en Londono, kiu afable klopodis por havigi al la turistoj bonegan hotelon, veturilojn, gvidistojn k. t. p. Li dankas same S-ron P. Blaise, Del., kaj S-ron Mann, Esp-ianon, kiuj kun S-ro Alcorn akompanis la vizitintojn dum ilia promenado en Londono kaj Windsor kastelo, donante al ĉiuj necesajn klarigojn pri la vidindaĵoj renkontitaj. Tutkore li dankas ankaŭ la gesamideanojn de Brighton, nome: Ges-roj Vagg, Richardson, F-inoj Eklund, Dovey, Reeve, Dudeney, Lyle, Sim, kiuj preparis en Brighton plej koran akcepton, kaj precipe F-inon Eklund, kiu tre bone aranĝis pri la restado de la karavano en tiu bela marbanurbo.

.˙. Ges-roj *Goodliffe*, Del. kaj Esp.-iano en Letchworth (Anglujo), kore dankas la Del. en Thun, S-ron Hildebrandt, pro tre afabla sendo de svisaj gvidfolioj kaj informoj kaj por konduko en Spiez k. t. p.

.˙. S-ro *H. Steinberg*, Del. en Göttingen, dankas S-ron Ender, Del. en Lodz, pro grava scienca servo. „Ĉar li tradukis por mi dudekpaĝan pollingvan disertacion, kiun mi bezonas por mia ekzamena laboro je la Universitato, kaj ĉar mi devos nomi ĉian interhelpon, ankaŭ la ekzamenontoj estos atentigataj pri la taŭgeco de Esperanto kaj de UEA."

.˙. Esp. Klubo de *Padova* varme dankas S-ron J. E. Wengler, el Berlino, kiu bonvolis doni al ĝiaj geklubanoj agrablan viziton.

.˙. S-ro *S. Przybyszevski*, Esp-iano en Krakovo, esprimas siajn koregajn dankojn al Del. en Posen, S-ro A. Brzezinski, kiu bonvolis gvidadi lin kaj lian edzinon tra la bela urbo Posen, kaj al S-ino A. Tuschinski, Del. Danzig, „kune kun kiu ni faris ekskurson al Oliva kaj Zoppot kaj travivis neniam forgeseblajn horojn".

.˙. S-ro *I. H. Krestanof*, Esp-iano el Bulgarujo, sendas koran dankon al ĉiuj Del., kiuj lin afable helpis dum lia vojaĝo tra Svisujo, speciale al S-ro Hildebrandt, Del. Thun, kiu amike lin gastigis kelkajn tagojn.

.˙. S-ro *W. Bailey*, Esp-iano en Manchester, dankas D-ron E. Sós, Del. en Wien, pro informo pri fabrikistoj de anĉoj por fagotoj.

.˙. Ges-roj *Rhodes*, Del. en Keighley (Anglujo), dankas la Del kaj Esp-ianojn en Nederlando, kiuj helpis ilin dum libertempo en tiu lando.

### Oni proponas!

.˙. S-ro *J. Schwaiger* proponas, ke ĉiu Esp. grupo aŭ klubo skribu por oficiale proponi al la magistrato de sia urbo enkonduki Esperanton en la lernejojn kaj petu la kaŭzojn de neenkonduko.

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj k. t. p.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj [1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Praha, Prostejov, Roznov.*
**Belgujo:** *Spa.*
**Bulgarujo:** *Sofia.*
**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*
**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*
**Finlando:** *Kotka.*
**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*
**Germanujo:** *Bamberg, Berlin, Breslau, Dresden, Elberfeld, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*
**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Vladivostok, Viŝni-Voloĉok.*
**Svedujo:** *Stockholm.*
**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Prezo:* 1 ĝis 10 ekz. | *10 ct.* | (4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 „ | *25* „ | (10 „) | |
| 26 „ 50 „ | *50* „ | (20 „) | |
| Plena kolekto | *75* „ | (30 „) | |

(kun la Universitataj gvidfolioj)

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA,* kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj k. t. p.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la jenaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj[1]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | *10* | 4 |
| *Krakow* (68 paĝ. 12×16. I) | *15* | 6 |
| **Belgujo** | | |
| *Antverpeno* (32 paĝ. 12×16,6. I) | *10* | 4 |
| **Finnlando** | | |
| *Vojaĝado en Finnlando* (64 paĝ. 12,5×18. I) | *25* | 10 |
| **Francujo** | | |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| *Rouen kaj ĉirkaŭaĵoj* (10 paĝ. 12,5×16) | *10* | 4 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | *10* | 4 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |

[1] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.



# Alvokoj

Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubriko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:

1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercaĵo, eldonaĵo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.

2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.

3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.

*La redakcio.*

## Al maristoj

Kiel sciate, ĝis antaŭ deko da jaroj ĉiuj nacioj uzis en la manovrado de ŝipoj la tiel nomitan malnovan sistemon, laŭ kiu la viro ĉe la direktilo aŭ la direktrado turnas tiun ĉi al la direkto mala de la komandita. Sed dum la lastaj jaroj kelkaj nacioj komencis leĝe fiksi la novan sistemon (kun direkta signifo) por komerc- kaj militŝipoj.

Tiu ĉi demando pri la direktilkomando post la lasta kunsido de „Comité maritime international" fariĝis internacia, kaj „Nordisk Fartygsbefälskongress" (Norda ŝipestrarkongreso, ligo inter ŝipestraroj en la kvar nordaj landoj) promesis esplori ĝin. La internaciigo de la direktilkomando estas afero grava por la malhelpado de maraj akcidentoj tre ofte okazantaj pro la nomita malsameco inter la sistemoj.

Tre grava sveda marafera gazeto, *„Nautisk Tidskrift"*, okupiĝante pri la afero, turnas sin por tio ĉi al la tutmonda esperantistaro en la espero per helpo de UEA kaj Esperanto ricevi respondojn pri la jenaj demandoj: 1e Kiuj landoj leĝe decidis specialan sistemon de komando por manovrado de la direktilo aŭ direktrado sur ŝipoj? — 2e Kion enhavas la diversaj leĝoj en la diversaj landoj? — (Apartaj respondoj kaj pri militŝiparo, kaj pri komercŝiparo.)

Unuvorte, dezirinde estas informiĝi pri ĉio, kio en tiu ĉi rilato estas farita en ĉiuj landoj, kaj ĉu leĝaj reguloj estas ellaborataj.

La dankeme akceptotajn respondojn oni bonvolu sendi al

*Carl Ohlssohn,* Del. de UEA,
Andra Langgatan, *Göteborg* (Svedujo).

## Pri la mondvojaĝo de Usona Militŝiparo

Plej specialan oportunon prezentos por propagandi Esperanton inter maristaj vicoj la dirita mondvojaĝo, kiu komencos januaron venontan.

Mi do permesas al mi elmeti la jenajn sugestojn:

1e Pendigo en la ŝipoj kaj kazernoj de la partoprenontaj ŝipanoj de anoncoj pri:
*a)* la utileco de Esperanto por pliĝuigi la ĉeeston en la lokoj kaj urboj vizitotaj.
*b)* specialaj kursoj por instrui la lingvon kaj por pritrakti Esperante la interesaĵojn de la vojaĝo.

2e Interrilatiĝo de la grupoj kaj Del. de UEA de la lokoj vizitotaj kun Esp.-Asocio de Nord-Ameriko, kiu prizorgos pri la diskonigo de la aranĝitaj detaloj.

*Charles J. Edwards* (Del. Gibraltar).

## Adresaro de geknaboj

Mi petas geknabojn - esperantistojn, kiuj volas aperigi siajn adresojn en la unua eldono de l'adresaro, sendi ilin al mi antaŭ la 15 decembro 1913, ĉar postricevitaj adresoj estos enpresitaj nur en la dua eldono la sekvontan jaron.

*V. Polakov*

Krasnaja ul. Kamiŝin (Rusujo, Saratov gub.)

## Ekspozicio

S-ro *Theodor Wrede* jr., prezidanto de la komercista Esperanto Grupo en Bremen (Germanujo) intencas aranĝi ĉi tiun aŭtunon ekspozicion de poŝtkartoj ilustritaj kaj de Esperantaĵoj ĉiuspecaj. Li estus dankema al ĉiu samideano alilanda, se li helpus lin atingi la celon, aranĝi efikan ekspozicion.

Sendu la aĵojn al: Waller Chaussee 17, Bremen (Germanujo).

## Averto

Antaŭ nelonge vizitis min sinjoro ĉirkaŭ 30-jara, maldika kaj nigrahara, nomante sin Henri Bickel, bicikla artisto kaj portante en sia butontruo grandan verdan stelon. Li parolis perfekte anglan, francan kaj germanan kaj Esperanton. Li rakontis poste, ke li venis el Francujo kaj volis veturi Dortmund'on, kie li kun sia trupo devas plenumi dungokontrakton. Survoje li perdis siajn kolegojn kun sia tuta pakaĵo k. t. p. Nun alveninte en Düsseldorf, li ne plu havis monon, por aĉeti bileton al Dortmund. Tial li petegis min, prunti al li, membro de UEA, la monon por bileto. Li tuj resendus la monon el Dortmund. Ĉar li aspektis kredinda kaj mi ne volis malakcepti la petojn de samideano, mi donis al li pli ol sufiĉan monon, kiun mi ne ricevis ree! En la Dortmund'a varieteo, kiel ankaŭ en sia kvazaŭa loĝejo (Bundesgasse 22, en Berno) li estas nekonata. Kredeble li provos similan trompaĵon en aliaj urboj. Tial mi avertas la samideanojn! *M. Wiesner* (Düsseldorf).

(Post kontrolo ni konstatas, ke estas neniu Esperantiano sub la nomo Bickel. Por eviti similajn trouzojn, oni ĉiam postulu de la Esperantianoj ilian membrokarton. Se oni faras servon al iu ajn persono, ne membro de UEA, nur pro tio ke ĝi parolas Esperante, oni riskas similan trompiĝon. *Red.*)







# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

BRNO (Aŭstrio, Moravio). — S-ro K. Löffler, Tivoligasse 41, PM., PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungarujo). — S-ro George Nadás, V. Pannonia-strato 2 b III/8.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DANZIG (Germanujo, Westpreussen). — S-ro Kurt Mathiak, Königl. Eisenbahn-Direktion, PI., bfl. (kolektas vidaĵojn de stacidomoj, lokomotivoj, fervojaj pontegoj, signaliloj).

DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro W. Unruh, Kurfürstenstrasse 9/II.

FUNCHAL (Portugalujo, Madeira). — La Esp. Grupo „Madeira Verda Stelo" deziras konatiĝi kun la aliaj eksterlandaj grupoj per korespondado de PK. aŭ L. Adreso: Rua da Silva Carvalho 6, Funchal.

HELSINKI (Finnlando). — F-ino Lempi Bäckman, Säätytalo.

HRADEC KRALOVÉ (Aŭstrio, Bohemujo). — F-ino Bozka S. Vydrova, účetni, Nabrezi 302, Cechy.

IDAHO FALLS (Usono, Idaho). — S-ro Bert. P. Mill, presisto, 360 E St. (kun alilanduloj).

KURKUND NEMME (Rusujo, Livlando). — S-ro Wilhelm Wischut (kun ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj, tre deziras interŝanĝi fotografaĵojn).

KURKUND NEMME (Rusujo, Livlando). — S-ro Richard Otstavel, 17-jara, pr. Quellenstein (kun samaĝaj fraŭlinoj, precipe hebreaj; portreto tre dezirata).

LONDON (Anglujo). — S-ro Wm. Jolley, 1, Dudley Road, Ilford, E., PI. aŭ L.

LONDON (Anglujo). — S-ro S. H. Larking, 52, Cecil Road, Upton Manor, E., PI.

LONDON (Anglujo). — S-ro H. Johnston, 145, Harold Road, Upton Park, E., PI.

LOS ANGELES (Usono, Kalifornio). — S-ro Charles E. Kodil 1327, Georgia St., PI., L. (kun ĉiuj landoj).

ODENSE (Danujo). — S-ro J. Vitek, Kongensgade 7, PI.

OOSTERHOUT (Nederlando). — F-ino Ria Frencken, Leyzenhoek, PK.

OOSTERHOUT (Nederlando). — F-ino Jeannette v. Loon, Markt, PK.

OREL (Rusujo). — F-ino Kruglikov, poste restante, PI., K.

PEKIN (Ĥinujo). — S-ro van der Auwera H., Garde belge, PI. bfl. (koloritajn, kun ĉiuj landoj).

PORTO (Portugalujo). — S-ro Reynaldo Gomes, 98, rua da Pena, PI., bfl. (prefere kostumoj; kun ĉiuj landoj).

POSEN (Germanujo). — S-ro Wladyslaw Bakowski, Grunestr. 1/III PI. (kun alilanduloj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Seccâo da Contabilidade dos Telegraphos.

SABADELL (Hispanujo). — F-ino Franciska Mas, str. Carretera de Farrasa 26, PI. (tuj respondos).

SANTANDER (Ameriko. Kolombia. — S-ro Helvecio Gomez O., Riomegro, PI. (precipe kun fraŭlinoj).

SLUCK (Rusujo, Minsk. gub.). — S-ro A. Norkin, studento, L. PK. PM.

SMYRNA (Azia Turkujo). — S-ro Michel Stylianpoulo, chemin de fer Smyrna-Cassaba, PK.. PM. (kun ĉiuj landoj).

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) PI. (kun ĉiuj landoj).

VOITSBERG (Aŭstrio, Stirio). — S-ro Otmar Russheim, (vere belegajn kun ĉiuj landoj, escepte Aŭstrio, Hungar., Germ. kaj Svis.).

WALTERSDORF APUD ZITTAU (Germanujo, Saksujo). — Esp. grupo Laŭŝe, J. Vetter, 251, PI.

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, PI., PM. kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ANGLA FABRIKAĴO. — Komercisto deziras scii prezojn, se eble ricevi kelkajn specimenojn de blankaj feltaj sinjorin-ĉapeloj. Estas petata angla fabrikaĵo. Adreso: Guillaume Nivard, butikisto, Groningen (Nederlando).

ATENTU! — S-ro Georg Davidov, Rusujo, Saratov, Poŝtkesto 12, aĉetas fotografaĵojn de Esperantistaj Societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, ekspozicioj, ekskursoj, ĉu apartaj fotografaĵoj, ĉu eltranĉitaj el gazetoj, ĉu faritaj de amatoroj. Volu fari proponojn. Ankaŭ li kolektas sigelmarkojn kaj gazetojn esperantajn.

BOHEMINO, 23-jara, el bona familio, fininta mastrinan lernejon, serĉas (por pliperfektiĝo en germana lingvo) germanan familion,

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO